11-a jaro. — N-ro 2 (120) Februaro 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10—

EKSTERLANDE : Fr. 12.50

ANTVERPENO

1925

KIAL KOMPLIKI VIAN LABORON ?...

*Konfesu ke*

la transformo de vortoj en "signojn", kaj posta reprodukto de tiuj samaj "signoj" denove en vortojn

*estas duobla laboro*

kaj vi komprenos jam, kial la

# DICTAPHONE

**estas la senpera metodo por diktado de la korespondaĵoj.**

Petu la broŝuron:
"L'HOMME D'AFFAIRES AU BUREAU"
(La aferisto en la oficejo)
— Senpaga alsendo —

## ROBERT CLAESEN

Fako : ES

**20, rue Neuve, BRUSELO.**

Tel. : 106,82

# G.-C. DE BAERDEMAECKER

***Firmo Fondita en 1855. — Rue Fiévé 25-33. Gento.***

Ŝipmakleristo — Ekspedisto — Dogana agento — Ŝipluo — Asekuro
Ĉartransporto — Emagazena tenado.

*Telefonoj :* 168, Ekspedado ; 92, Teksajoj-magazeno : 1500
Dogano-maklerado : 1516 privata ; 1540 oficejo en
Antauhaveno: 11 Ŝipservo al Bruselo.

*Telegraf-Adreso :* "Debaer".

*Agento* de Gool Steam Shipping, London Midland
& Scottish Railway Co.

*Regula* servo dufoje ĉiusemajne { inter **GENTO kaj GOOLE** kaj returne
komunikiganta kun Centra kaj Norda Anglujo, Skotlando kaj Irlando

***De Gento al Hull Kaj Goole*** por plantoj kaj fruktoj.

**Kerr Steamship Kio Inc. New-Orleans/Gento kaj returne. - Walford linioj**

Ciutage grupiga servo al Svislando, Italio, Francujo, Holando, Germanujo, k. c..
Ricevo, Kontrolo, Specimenoj
Magazenoj kaj deponejoj akceptitaj de la "Comptoir d'Escompte"
de la Nacia Banko.

Transportoj kaj prezoj al ĉiuj landoj. Filioj en Bruselo: 9, rue Ulens.

# BANQUE DE FLANDRE

ANONIMA SOCIETO EN GENT - FONDITA EN 1847

Deponaj kaj duonmonataj kontoj

Diskonto kaj enkasigo de biloj

Kreditleteroj

Konservado de obligacioj kaj titoloj

Aĉeto kaj vendo de obligacioj

Puntedono sur obligacioj

Enkasigo de kuponoj

Luigo de monkestoj

ĈIAJ BANKAFEROJ.

# Nederlandsche

# Gist- & Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo : **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo : **BRUGES-BASSINS** (Belgujo)

Filioj : **BRUSELO kaj HUY** (Belgujo)

**Produktajoj :**

Rega Fermento

Alkoholo kaj Brando

Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj" : Bruges-Bassins**

**Fako "Alkoholo kaj Brando": 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono :** Bruges Nº 8, Bruxell. BR. 8338, Huy Nº 40 **Telegr. :** Bruxelles, Bruges, Huy — **"Gistfabriek"**

La proksima numero

DE

# "BELGA ESPERANTISTO"

aperos

POST DU SEMAJNOJ



BELGAJ SAMIDEANOJ,

ATENTU!

Rezervu la Pentekostajn tagojn

(31 Majo - 1 Junio)

por ceesti

## VIAN NACIAN KONGRESON

## EN VERVIERS

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

# ADMONO!

Tuj post ricevo ne nuna numero

REPAGU vian kotizon-abonon (FR. 10.--)

por 1925

a) se vi estas

membro de loka liga grupo :

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO ;

b) se vi estas

aparta membro-abonanto :

*Al la kasisto de la Ligo :*

S-RO F. MATHIEUX

94, AVENUE BEL-AIR, UCCLE-BRUSELO

POŜTĈEKO : NRO 39984

c) Eksterlandanoj

per poŝtmandato al la suprecitita kasisto de la Ligo.

11a JARO. N-ro 2 (120) FEBRUARO 1925

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Postceko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Al niaj Legantoj

Jen nia dua numero.

La malfacilaĵoj, en kiuj ni estas pro la ŝanĝo de presisto ne estas ankoraŭ tute forigitaj; pro tio la eliro de ci tiu numero suferas denove iom da prokrasto. — Ĉiuj aranĝoj estas faritaj tamen, por ke la tria kajero aperu antaŭ la kongreso, kun ĉiuj informoj pri nia ĉiujara festo. — Por plirapidigi la informadon pri la kongreso, speciala presaĵo kun la oficialaj sciigoj estos aparte dissendata al la Belgaj gesamideanoj.

En nia lasta numero nia presisto, nekutimita je la aranĝo de nia revuo, erare numeris la tekst-paĝojn de la unua numero de 7 ĝis 26; niaj legantoj bonvolos korekti tiun numeradon kaj meti: de 1 ĝis 20. Tial nuna numero enhavas paĝojn 21 ĝis 40. — La legantoj ankaŭ senkulpigos la aperon de kelkaj jam malfruiĝintaj komunikoj, kiujn ni tamen ne volis formeti pro ilia dokumenta graveco.

Finante, ni faras novan alvokon al ĉiuj por ke ili pagu sian abonon 1925, kaj por ke ili klopodu varbi novajn abonantojn al nia gazeto.

**La grupestroj, kiuj tion ne jam faris, estas insiste petataj havigi al ni la liston de siaj membroj, por ke ni al ĉi tiuj regule povu sendi la revuon.**

B. E.

# IRU AL VERVIERS.

La belgaj kaj alilandaj samideanoj alvenu multnombre al Verviers, la urbo de nia XIVa belga kongreso. Ili ne nur ĝuos tie ĉi agrablan restadon inter sidonaj geamikoj, en bonveniga kaj gojaspekta urbo, dum gajigaj ekskursoj al ĉarmaj ĉirkaŭantaj naturlokoj, sed ili samtempe



LAGO DE LA GILEPPE

helpos por kreskigi la disvolviĝon de Esperanto en tiu urbo famiĝinta pro sia komerca kaj industria graveco en la internaciaj rilatoj.

La Verviers'aj geamikoj estas tute pretaj akcepti plej bone siajn eksterurbajn gesamideanojn .Ili petas, ke ĉiu alvenanto partoprenu ankaŭ aktive en la kongreso, ĉu per proponoj, planoj submetotaj al la ĝeneralaj laboraj kunsidoj (1), ĉu, por kio rilatas la distrigan parton, per bonaj repertuaroj de kantoj, k. t. p. Ĉiu, kiu posedas facile kunporteblajn muzikinstrumentojn, bonvolu alporti ilin. Oni ankaŭ insiste petas, ke ĉiu grupo alportu sian flagon.

La programo entenos la kutimajn punktojn de ĉiu kongreso: interkonatiĝa vespero; akcepto ĉe l'Urbdomo; ĝenerala kunveno de la Ligo, festeno; vizito de la Urbo; koncerto. La sekvantan tagon, vizito de la famega Barmuro de la Gileppe, kaj posttagmeze, akcepto en Spa de la urbaj estruloj. Mardo kaj Merkredo rezervataj al intimaj postkongresaj ekskursoj en la plej vindindaj lokoj de la Ardenoj. En proksima numero aperos pli detala programo de la kongreso.

Same aperos la tabelo de la kotizaĵo, kaj diversaj tarifoj. Por ke la organiza komitato povu jam tuj zorgi pri la loĝigado de la kongresontoj, kaj ĉar la loĝejoj ne estas multnombraj, oni petas insiste, ke oni sin tuj anoncu, esprimante samtempe siajn specialajn dezirojn pri loĝado.

Adreso: XIVa belga kongreso de Esperanto «La Mutuelle», rue Tranchée, 50, Verviers.

---

(1) Ĉiun tiurrilatan proponon oni sendu al la Ĝen. Sekretario de la Ligo: 60, St-Lievenslaan - Boulevard St-Liévin, Gento.

---

# ALVOKO.

Verviers, poŝta dato.

Estimataj Samidean(in)oj,

En la programoj de niaj belgaj kongresoj estas kutime enskribata **vespera festo**, kie, post la seriozaĵoj de la dumtagaj oficialaj diskutoj, la samideanara ŝatas kunveni por komunii en arta manifestacio, kaj samtempe montri al la neesperantistaj invititoj, per trafa maniero; la vivantecon de nia lingvo.

Por ke tiaj koncertoj plene sukcesu, ni opinias, ke ne sole la kongresurbaj samideanoj partoprenu en ili, sed **ke elementoj el diversaj urboj kunlaboru**; tio ankaŭ akrigus la intereson de la kongresantoj kaj de la cetera publiko.

Por tio, la subskribontoj havis la ideon krei **rondon**, kies tasko estus, de unu ĝis alia jaro, prepari, kun la interveno de la kongresurbaj samideanoj, la programojn de niaj kongresaj vesperfestoj, ĉu proponante aŭ tradukante verkojn literaturajn kaj muzikajn, ĉu akceptante ludi, deklami, k. c. dum tiuj festoj.

Vi komprenas, kiel larĝa kaj interesa kampo estas trairebla de la gebonvoluloj, kaj kiel utilegan laboron ili povus liveri ne nur al siaj naciaj, sed ankaŭ al la alilandaj, eĉ al la internaciaj kongresoj, kaj al nia tutmonda literatura kaj muzika trezoro esperanta.

La Eperantista Grupo de **Verviers,** kiu nun prizorgas la organizadon de la **XIVa belga kongreso** por Pentekosto proksima, nepre deziras doni belan, artan vesperfeston.

Ĉar tiu kongreso baldaŭ okazos, ni do urĝe petas, ke ĉiuj gebonvoluloj konigu kiel eble plej frue al la adreso de la **XIVa belga kongreso de Esperanto, «La Mutuelle», rue Tranchée, 50, Verviers,** sian intencon iel partopreni en la kongresa festo kaj komuniku la titolo(j)n de la verkoj de ili ludotaj, kantotaj aŭ deklamotaj; per la ricevitaj respondoj, la subskribontoj penos aranĝi programon kiel eble plej bone.

Vi ankaŭ aliĝu, kara samidean(in)o, al la **nova Rondo,** nun provizore organizata, sed definitive starigota dum la Verviers'a kongreso, kaj turnu vin pri tio al **Sro L. Cogen, 52, Dreef, Ninove.**

Vi bonvolu ankaŭ citit la nomojn de samidean(in oj, al kiuj ni povus utile nin turni por la atingo de nia celo.

Kun kora kaj danka saluto,

La Iniciatintoj:

IW. DELHEZ,

sekretario de Esperantista Grupo Verviers.

L. COGEN,

vic-prezidanto de B. L. E. Ninove.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo. — La 7an de februaro okazis la Ĉiujara ĝenerala kunveno dum kiu Kasisto, Sekretario kaj sportsekciestro prezentis sian raporton kaj dum kiu oni reelektis la komitaton. Poste okazis intima balo, kiu tre bone sukcesis.

La 21an vizitis la grupon S-roj Juan Gili Norta, Kataluna Samideano akompanata de ne esperantista amiko, kaj Porcsin, hungara maristo kiu jam kelkafoje vizitis la grupon.

Kiel ĉiujare, la grupo organizis la 23an de Februaro maskitan kaj nemaskitan dancfeston, kiu havis «varmegan» sukceson dank'al la klopodoj precipe de S-roj Broeckhove, kaj Jaumotte de la Festa Sekcio.

**Antverpena Polica Grupo Esperantista.** — La provizora komitato daŭrigis sian agadon. La urbestraro permesis uzon de la Polica librejo kaj legoĉambro en la ĉefoficejo. Pli ol 40 policistoj ĉeestis la du unuajn kunvenojn en kiuj oni decidis pri la definitiva restarigo de la grupo. Regularo estis kunmetita. La komitato estis elektita jene:

Prezidanto: vickomisaro Derweduwen,
Sekretario: vickomisaro G. Zwaenepoel,
Vicprezidanto: inspektoro Kerinckx.
Vicsekretario: kandidato-vikkomisaro Owel.
Kasisto: inspektoro Drypondt.
Bibliotekisto: inspektoro Bekaert.
Komitatano: vickomisaro Van den Plas.
Komitatano: inspektoro Vermeersch.

Organizo de kursoj por la policistoj de Antverpeno estis decidita. Tiucele la grupo petis de la urbestraro permeson pri uzo de salono.

GENTO. — Daŭrigante siajn klopodojn por la starigo de Honora Komitato por la komerca kurso, la «Soc Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales» (Sekcio de la «Genta Grupo Esperantista») sukcesis varbi, dank'al la klopodoj sia Prezidanto S-ro Albert Maertens, la jenajn eminentajn personojn: S-roj: Maurice de Smet de Naeyer, Prezidanto de la Genta Komerca Ĉambro; Grafo Jean de Hemptinne, Prezidanto de la kooperativa societo «La Textile»; Guillaume Reyniers, Prezidanto de «Associations des Interêts Maritimes de Gand»; Charles Pynaert, Prezidanto de la «Chambre Syndicale des Horticulteurs Belges». Kun tiu grava apogo la organizantoj esperas, ke la kurso bone sukcesos.

BRUSELO.--La loka Esperantista grupo de Bruselo denove kunvenas la unuan kaj la trian ĵaudon de ĉiu monato en la laktejo «Moulin de la Paix», rue du Pont Neuf, Norda Bulvardo. La komitato estis reelektita jene: Prezidantino: F-ino Jennen, Prezidanto: S-ro F. Mathieux, Sekretarino: F-ino S. Obozinski, Kasisto: S-ro Em. Baez.

MEĤLENO. — La 28an de januaro okazis, en la granda edziĝosalono de la urbdomo, poresperanta parolado farita de S-ro Schoofs antaŭ pli ol 50 personoj.

La 4an de februaro okazis nova kurso por 10 gelernantoj.

SANKTA NIKOLAO. Dank'al la klopodoj de nia tiea Samideano S-ro De Boes, la movado restariĝis kaj nova grupo fondiĝis sub la nomo: «Al Triumfo». Tiu grupo petis sian aliĝon al «Belga Ligo». Ni deziras al la juna societo plej grandan kaj daŭran sukceson.

---

## BELGA GAZETARO

ANTVERPENO. — «De Diamantbewerker« (28-2): granda artikolo pri la por-Esperanta movado inter la diamantistaro Antverpena, movado kiun kreis la antaŭa Direktoro de nia revuo, S-ro Amatus Van der Biest-Andelhof, laŭ iniciato de la tiamaj gvidantoj de la Diamantista Ligo, S-roj Groesser, Bartels kaj Romeo, el kiuj ni scias, ke la unua daŭre restas inter la propagandistoj por nia lingvo. La artikolo pritraktas an-

kaŭ la planon pri kreo de teknika terminaro de la diamant-industrio. La starigo de tiaj terminaroj devas esti, laŭ ni, unu el la plej ĉefaj celoj de la fakaj grupoj.

«Minerva Nieuws» (15-2): artikolo pri la rezultato de la propaganda laboro de S-ro Remi Van den Eynde inter la laboristoj kaj oficistoj de la aŭtomobilfabrikejo «Minerva». Sin prezentis el Minerva-Antverpeno 47, kaj el Minerva-Mortsel 24 gelernantoj, por kiuj nia suprecitita samideano nun gvidas tri kursojn.

«De Schelde» (22-2): artikolo pri nia lingvo rilate al «Naciismo kaj Mondpaco».

BRUGO. «Brugsch Handelblad» (28-2): fasko da sciindaĵoj pri la progresoj de Esperanto.

«Journal de Bruges» (22-2): informoj kaj programo de la Internacia konferenco (Parizo) por la uzo de Esperanto en la scienca fako; (26-2): informoj pri la konferencoj pri Komerco kaj pri Radiofonio (Parizo).

BRUSELO. — «Le Peuple» (6-1): raportante pri la kunveno de la Komitato de la propaganda kunveno organizita de la Societo de la Liberalaj Studentoj de Bruselo, por la Ligo de Nacioj, la gazeto resumas paroladon de S-ro Adatci, ambasadoro de Japanujo, kiu ne forgesis citi la gravan agadon de la Ligo de N. por la akcepto de Esperanto kiel komuna helplingvo.

«Radio - Belge» (5-2): informo pri parolado en Esperanto el Aberdeen; (19-2): artikolo pri la Esperantista movado en Francujo; pri Esperanto kaj la Komercaj Ĉambroj; pri la parizaj konferencoj de 1925; propaganda artikolo pri Ido.

«La Radiophonie pour Tous» (25-2): per dupaĝa artikolo, idista propagandisto klarigas la «problemon pri Internacia Lingvo» kaj ĝin solvas kompreneble per Ido. Ni atendas la sperton farotan en Parizo dum la radiofonio konferenco. Intertempe ni esperas ke la revuo «R. p. T.» donos ankaŭ al la Esperantistoj la okazon prezenti sian kontraŭparolon. Nur tiamaniere ĝi povos fieri pri senpartieca konduto kontraŭ siaj legantoj.

MECHELEN. — «Gazet van Mechelen» (5-2): raporto pri la propaganda parolado de S-ro F. Schoofs en la urbodomo kaj pri malfermo de nova kurso.

GENTO. — «Vooruit» (11-1): diversaj Esperanto-novaĵoj ĉerpitaj el «Heroldo de Esperanto».

«Gazette van Gent» (27-2): daŭrigo de la flandra-Esperanta frazaro de la «Touring Club»; (10-2: enhavo de nia numero Nov.-Dec. 1924.

SPA. — «La Semaine de Spa» (15-2): daŭrigo de artikolo «Kial la katolikoj devas lerni Esperanton».

---

# XVIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

## BELGA KARAVANO.

Per la zorgoj de U. E. A. kaj Belga Ligo Esperantista estos organizata rabatpreza vojaĝo por la Esperantistoj de Belgujo kaj por la alilandaj, kiuj, trapasante nian landon ŝatos kuniĝi kun nia grupo.

La kondiĉoj estos:

VOJAĜO en 3a klaso: Bruselo-Mons-Parizo-Dijon-Genève, kaj ree;

RESTADO en Genève de la 1-a ĝis la 8a de Aŭgusto, en bona hotelo, antaŭ la stacidomo (ĉambro: po unu por du personoj; matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo (-diner) sen vino, sed kun ĉiuj trinkmonoj: **Belgaj Fr. 800.—.**

VOJAĜO en 2a klaso, sed kun samaj kondiĉoj en hotelo: **Belg. Fr. 975.—.**

Por la kongreskarto oni alpagu kompreneble Svis. Frankoj 25.— (Membroj de U. E. A.: sv. Fr. 20.—).

Ĉi supraj kondiĉoj permesas la restadon en Parizo ĉe la reveno, tiel longtempe, kiel oni volas. Ĉiuokaze oni realvenos en Parizo la 9an matene, tiamaniere, ke oni povos jam re-esti en Bruselo je la 5a vespere, sed ankaŭ tiamaniere, ke tiuj, kiuj volas resti, preskaŭ senpage en Parizo dum unu tago, povos atendi la vagonaron de la 11a vespere, por re-alveni en Bruselo, la 10an de Aŭgusto je la 7a matene.

**Insista peto estas nun, ke oni sin anoncu kiel eble plej baldaŭ al S-ro** Fr. Schoofs, ĉefdelegito de U. E. A. por Belgujo, Kleine Hondstraat, N° 11, (rue du Petit Chien), ANTVERPENO. Tiuj, kiuj ne ankoraŭ estas tute certaj pri sia partopreno bonvolu jam sin anonci kiel eblaj partoprenontoj.

---

## GEOGRAFIO.

---

# IO PRI LA FILIPINAJ INSULOJ.

Ekzistas landoj, kiuj estas nur malmulte, aŭ kelkfoje eĉ tute ne konataj de ni Eŭropanoj. Por iomete konigi tiujn landojn al nia Esperantista legantaro, ni intencas ĉiumonate publikigi artikolon pri iu el ili. Ĉar en la monato Aŭgusto ni havis la honoron interkonatiĝi kun Filipinaj Esperantistinoj, ni kaptas la okazon ion diri pri ilia ege malproksima lando.

Norde kaj oriente ĝin limigas la Pacifika Oceana, la Celebesa kaj la Sulua aŭ Joloa Maroj, okcidente la Ĥina Maro. Manila, la ĉefurbo samtempe de la insulo Luzon kaj de la tuta Insularo, kuŝas je distanco

de 1015 Km. de Hongkong (en Ĥinujo), 2827 Km. de Yokohama (en Japanujo), 922 Km. de Sandakan (en Borneo), 1459 Km. de Saïgon (en Franca Hindo-Ĥinujo), 2204 Km. de Singapore (Malaka duoninsulo).

La Filipina Insularo konsistas el ne malpli ol 7083 grandaj kaj malgrandaj insuloj, plejgrandparte nur koralrifoj aŭ rokoj. Nur 2441 havas nomon.

La tuta areo de la Insularo estas 296.310 Kvadratkilometroj. Ĝia loĝantaro konsistas el ĉirkaŭ 11 milionoj da personoj. La plej grandaj insuloj estas: Luzon, kiu estas tiel granda kiel Belgujo, Holando kaj Danujo kunigitaj, Mindoro, Panay, Negros, Cebu, Bohol, Leyte, Samar, Mindanao, kiu lasta laŭ areo egalas Portugalujon, kaj Pelawan aŭ Paragua.

En la jaro 1521a, Magalhaes (Magelano), farante la unuan esplorvojaĝon ĉirkaŭ la mondo,trovis tiujn insulojn,kiujn li nomis Filipinaj,je la honoro de la Hispano reĝo Filipo II.Dum ĉirkau 300 jaroj la Filipinaj Insuloj estis Hispana kolonio. En 1897, sekve de ribelo de la loĝantaro kaj milito inter Hispanujo kaj Usono, la Hispanoj estis devigataj cedi ilin al la Granda Amerika respubliko. De 1916 la Insularo regas sin mem, sub la kontrolo de Usono, kaj nun petas plenan sendependecon.

La klimato estas varmega kaj malseka, kiuj ambaŭ faktoj ebligas riĉegan vegetaĵaron. La precipaj kulturoj estas tiuj de tabako, kanabo, kafo, spicoj, sukerkano kaj bananoj. La grundo enhavas oron, arĝenton, kupron, feron kaj karbon. La lando estas monthava kaj havas vulkanojn; ofte okazas tertremoj. La Filipinaj Insuloj estas nesupereble belegaj, kaj prave oni rajtas nomi ilin la «Perloj de la Pacifika Oceano».

Sekve de la tricentjara Hispana superregado, la kristana religio estas disvastigita en la tuta insularo. Tamen estas mahometanoj, interalie la Maŭroj, kaj idolanoj, kiel la Igorotoj, la Ifuagoj kaj la Negritoj. La Tagaloj parolas la tagalan lingvon. Ilia literaturo estas tre riĉa. Ankaŭ la Hispana literaturo estas tre ampleksa.Multaj Filipinaj verkistoj estas premiitaj de la Hispana Akademio. La tagala lingvo estas parolata de ĉirkau 6 milionoj da enloĝantoj.

La Tagaloj kaj ankaŭ la aliaj popoloj estas tre afablaj kaj gastigemaj. En la kamparaj distriktoj oni ĉiumomente povas eniri la domojn kaj peti gastiĝon, kiu estas konsentata plejofte senpage. La enloĝantoj sin sentas eĉ ofenditaj, kiam oni volas pagi la kostojn.

Ĉiuj Filipinanoj havas eksterordinaran amon por la muziko. En ĉiu vilaĝo estas orkestro; en preskaŭ ĉiuj domoj estas fortepiano, harpo aŭ gitarsimila nacia instrumento. En ĉiu vilaĝo estas aktoroj kaj dum festoj ĉiam okazas teatraj reprezentadoj, nomitaj «moromoro». Eĉ formiĝas nacia teatroskolo.

La Negritoj estas sovaĝuloj. Oni ĝis nun sensukcese klopodis por civilizi ilin. Ili estas nur iomete pli superaj ol la Aŭstraliaj indiĝenoj.

La ifuagoj kaj la Igorotoj estas nemalbelaj kaj intelekte multe pli

progresintaj ol la Negritoj. La Ifuagaj viroj lasas la laboron por la virinoj, dum ili mem nenion faras kaj dormas. Sed, se ili ne ŝatas labori, ili, kaj ankaŭ la virinoj, ŝategas ludi. Tial ili kaptas ĉiujn okazojn por sin dediĉi al la ludado.

La Filipina popolo estas homogena. Krom la malmultaj Negritoj, kiuj apartenas al la nigra raso, ĉiuj Filipinanoj, ĉu katolikoj, mahometanoj aŭ idolanoj, estas rase unu. Vivas multaj diversaj lingvoj kaj dialektoj en la Insularo, sed ĉiuj estas tre similaj unu al la alia. Krom la Negritoj, ĉiuj Filipinanoj apartenas al la Malaj-Polinezia gento, dispartigita en Sumatra, Havajaj Insuloj, Madagaskar kaj multaj aliaj insuloj.

Oni ofte reprezentas la Filipinanojn kiel sovaĝulojn. Certe vivas sovaĝuloj en la montaro, sed ilia nombro apenaŭ atingas du centmilojn.

Se oni pensus, ke la kulturo de la Filipina popolo nur datas de post la alveno de la Hispanoj en ilian landon, tiam oni grave erarus. Ilia civilizacio estis jam tre granda. Ili havis skribon tre similan al tiu de la Fenicianoj; ili ankaŭ posedis kalendarojn kaj kompletan sistemon de peziloj kaj mezuriloj.

La leĝoj estis bazitaj sur tradicioj kaj kutimoj, komunikitaj de generacio al generacio. En 1433, do 88 jaroj antaŭ la alveno de Magelhaes, jam ekzistis punkodo, nomita la Kodo de Kalantiao.

La insulanoj havis naciajn registaron kaj juĝistaron, praktikis la artojn, kaj, estante bonaj arkitekturistoj, konstruis siajn domojn laŭ bone ellaboritaj planoj.

Ili konis kaj uzis la kanonpulvoron antaŭ ol oni ĝin konis en Eŭropo, kaj konstruis eksplodarmilojn, kiuj mirigis la Hispanojn. Dum la sieĝo de Manila, en 1570, la indiĝenoj defendis la urbon per kanonoj, kaj la konkerantoj trovis en ĝi fabrikejon, kie tiuj armiloj estis farataj, tiel bone ekipitan kaj aranĝitan, kiel en la Eŭropaj landoj.

La Filipinanoj estis spertaj metallaboristoj, kapablaj ŝipkonstruistoj kaj ĉarpentistoj. Kupron ili prilaboris kaj uzis, sed la bronzon el kiu ili faris la pafilegojn, ili importis el Ĥinujo. Iliaj arĝentaĵoj ankoraŭ nun ekscitas la admiron, pro la perfekteco kaj la belegeco de siaj desegnaĵoj. Ŝtofoj estis faritaj el kotono, kanabo kaj aliaj fibraj vegetaĵoj.

Ili naskis muzikistoj, posedis diverajn instrumentojn kaj naciajn orkestrojn. Ili ŝategis poezion, honoris poetojn, posedis nacian alfabeton kaj skribis librojn sur palmfolioj kaj bambuo. Le temoj de tiuj libroj estis plejparte historiaj kaj legandaj, pritraktis heroajn agojn, folkloron kaj scenojn el la popola vivo.

La hispanaj fanatikuloj bruligis ĉiujn librojn, kiujn ili trovis kaj ankaŭ multajn valoregajn dokumentojn kiel nekristanajn kaj satanajn.Oni ankoraŭ povas juĝi pri ilia valoro laŭ tiuj, kiujn oni antaŭ nelonge trovis, kaŝitajn en groto de la insulo Negros. Estas espereble, ke oni trovos ankoraŭ aliajn.

El la skribitaj alfabetoj, uzitaj antaŭ la veno de la Hispanaj, dek-kvar

havis malajan, unu araban kaj unu hebrean originon. La malajaj alfabetoj estis tre similaj unu al la aliaj. Ne estas eble diri, ĉu ĉiuj Filipinanoj kapablis legi kaj skribi, sed certe la plejgrandparto el ili estis bone instruita.

La Filipinanoj estis spertaj kaj tre fidindaj komercistoj. En la tempoj, kiam la popoloj de Okcidenta Eŭropa ankoraŭ sin vestis per feloj kaj kolorogis sian korpon, la insulanoj jam gvidis komercajn foirojn, en kiuj ili prezentis ĉiuspecajn produktojn.

Ekzistis skribitaj kaj neskribitaj leĝoj. Kelkaj el la plej gravaj punktoj el ili estis: Respektego al la gepatroj, tiel granda, ke neniu povis elparoli la nomon de sia patro, same kiel la Hebreoj ne povis elparoli tiun de sia Dio. Eĉ post la edziĝo la filo estis devigata obei al siaj gepatroj. La geedziĝoj okazis laŭ interkonsento de ambaŭ flankoj. Edzo kaj edzino ĝuis la samajn rajtojn.

La hispana superregado daŭriĝis dum 350 jaroj. La registaro ja havis bonajn intencojn sed la oficistoj plenumis ilin tre malbone. La katolika religio estante pli potenca ol la registaro mem, ĉiu vilaĝo estis estrata de pastro.

Tamen la Hispanoj, enkondukante la kristanan religion, havis tiun meriton, ke ili starigis multajn lernejojn. En 1866, por loĝantaro de 4 milionoj, ekzistis 841 lernejoj por knaboj kaj 833 por knabinoj. En 1892 ses jarojn antaŭ la amerikana ekokupado, la nombro estis 2137. Inter tiuj estis multaj superaj lernejoj. En Marto 1922a, por loĝantaro de 10 milionoj, sub la amerika kontrolo, ekzistis 7670 lernejoj.

Antaŭ la mondmilito ekzistis en la Filipinaj Insuloj sufiĉe vigla Esperanto-Movado. Oni eĉ eldonis revuon «Filipina Esperantisto». Malfeliĉe la movado forte malvigliĝis, «Filipina Esperantisto» malaperis, kaj nun restas preskaŭ nenio.

Esperu ni tamen, ke iam kelkaj fervoruloj ekprenu sur sin la taskon revivigi la propagandon kaj baldaŭ atingu sian celon!

M. BOEREN.

---

## POR LA GESAMIDEANOJ

## KIUJ «NE» IROS AL GENEVE.

Laŭ la deziresprimo de kelkaj samideanoj, kiuj ne kapablas ĉeesti la Genève'an Kongreson, ni decidis organizi dum la dua semajno de Aŭgusto, Esperantistan karavanon, al **PARIZO.** Tiu karavano foriros el BRUSELO, **Sabate, la 8an, aŭ Dimanĉe, la 9an de Aŭgusto,** tiele ke ĝi renkontos en la LUMA-URBO, la Belgajn, Francajn kaj aliajn fremdajn kongresintojn.

Por ke ĉiuj gesamideanoj Belgaj povus partopreni en tiu vojaĝo, ni ĝin ellaboris tiele, ke ĝi daŭru oficiale KVIN tagojn, kaj nur kostus

TRI CENT FRANKOJN. Tiuj, kiuj volus plilongigi sian restadon en PARIZO povos tion fari. Ĉiuokaze, kaj kvankam la detaloj de la afero estas ankoraŭ pristudotaj, ni povas jam anonci ke ĝi komprenos viziton al la **Palais de Versailles,** senkompara juvelo.

Por detaloj oni, kiom eble plej Esperante skribu al la ĝeneralo agento de la vojaĝoficejo «EXCELSIOR»: S-ro Maur. JAUMOTTE, 19, rue Velminckx-straat, ANTVERPENO.

MAURICE JAUMOTTE.

Komitatano de «La Verda Stelo».

---

## RADIO. — GRAVA AVIZO.

La potenca radia stacio W C C O (Duobla Vo, Co, Co, O), ĉe Minneapolis kaj Sankta Paŭlo, Usono, dissendos Esperantan Programon de la 23a ĝis la 24a horo, centra tempo (90a meridiano), vendredon, la 24an de Aprilo. Sur la meridiano de Greenwich estos de la 5a ĝis la 6a horo, sabaton, la 25an de Aprilo. La potenco estos kvin kilovatoj kaj la ondlongeco 417 metroj. La programo estos koncerto kun anoncoj esperantesperanta kaj eperantaj kantoj.

Ĉiun esperantiston, kiu legas tiun ĉi avizon, oni urĝe petas plenumi tri devojn:

Unue: ke li penu, aŭ per sia ricevaparato aŭ per ricevaparato de amiko, ricevi la programon, kaj nepre skribu al: Gold Medal Station W C C O, Minneapolis, Minn., Usono, pri sia sukceso aŭ malsukceso, priskribante la tipon de rcivilo;

Due: ke li petegu al la lokaj kaj landaj ĵurnaloj esperantaj ke ili represu tiun ĉi avizon;

Trie: ke li influu la tagĵurnalojn kaj precipe la radiajn ĵurnalojn ke ili donu kiel eble la plej grandan publikecon al la tutmonda penado.

---

## INTERNACIA KONFERENCO DE RADIO-AMATOROJ.

En Parizo okazos de la 16a ĝis 20a Aprilo grandaj konferencoj de naciaj radio-societoj. Sub sama aŭspicio okazos ankaŭ Kongreso de la Internacia Jura Komitato de Radio. Ĉiu povas aliĝi al tiuj kongresoj, sed povas voĉdoni nur oficialaj delegitoj. Kotizaĵo al ĉiu kongreso estas 25 frankoj; por partopreno en ambaŭ kongresoj la kotizaĵo estas 40 frankoj. Ĉiu kongresano ricevos ĉiujn oficialajn dokumentojn.

Unu el la temoj diskutotaj ĉe la Amatora kongreso estas «Helpa Lingvo Internacia», kaj tial, ju pli da **oficialaj** delegitoj, kiuj komprenas aŭ subtenas nian lingvon, despli certe oni akceptos Esperanton. La organiza Komitato eĉ jam nun utiligas Esperanton, kaj dissendas cirkulerojn en nia lingvo kaj ni esperas, ke ĉiu I. R. A.-ano helpos laŭeble.

---

## PROPRA KONGRESO DE INTERNACIA RADIO-ASOCIO

La Unua Kongreso de «Internacia Radio-Asocio» ankaŭ okazos en Parizo je la sama dato kaj ĉe la sama loko (kredeble la Sorbonne) kiel la ĵus aluditaj kongresoj. Efektive la I. R. A. Kongreso estos kvazaŭ faka kongreso de la aliaj. Por aliĝi al la I. R. A. Kongreso, oni pagu nur la ordinaran kotizaĵon de 25 frankoj por la Amatora Kongreso.

Oni nun preparas tagordon por tiu kongreso; inter la temoj diskutotaj estos la asocia konstitucio, propaganda en radio-rondoj, eble internacia radio-vortaro, kaj diversaj teknikaj aferoj. Tre certe estos bruo kontraŭ ni de malmikoj de Esperanto, kaj estos **do Absolute Necese,** ke alveturu al Parizo **Multege da Esperantistoj,** ne nur por sukcesigi nian propran kongreson, sed ankaŭ por impresi al la ne-Esperantistoj. Ĉiu, kiu deziras aliĝi al la Kongreso, sendu sian kotizaĵon al D-ro P. Corret, 97 rue Royale, Versailles, Francujo. D-ro Corret transdonos la monon al la Kasisto.

Ni esperu, ke en Parizo okazu unu el la plej gravaj sukcesoj en nia historio!

---

## ESPERANTO EN GRAVA ANGLA RADIOFONA REVUO.

La revuo «**Experimental Wireless and The Wireless Engineer**», pro la antaŭnelonga decido de la **American Radio Relay League** subteni Esperanton, deziras montri sian praktikan intereson per presigo en ĉiu numero de artikolo en aŭ pri Esperanto.

En Decembro, ĝi presigis 6-paĝan radio-kurson, pri Esperanto, kiu enhavis plenan gramatikon kun multaj frazoj kaj vortoj priradiaj. Tiu kurso estas speciale loga al radiaj amatoroj. En Januaro ĝi publikigis 5-paĝan Anglan - Esperantan radio - vortaron, kiu enhavis ĉiujn vortojn plej ofte uzatajn en radio, kune kun Imaga Konversacio inter 2 amatoraj sendistoj en angla kaj Esperanta lingvoj.

La Februara numero, enhavas 5-paĝan Esperantan - Anglan Radio - Vortaron. Tiujn artikolojn kontribuis S-ro Harry A. Epton, Honora Sekretario de la Internacia Radio - Asocio.

La revuo intencas, se ĝi ricevos sufiĉan subtenon, reservi unu aŭ pli da paĝoj en ĉiu eldono por teknikaj artikoloj en Esperanto, tiel ke, la gazeto, kvankam presita preskaŭ tute anglalingve, interesos senfadenamantojn alilandajn. «Experimental Wireless» aperas je komenco de ĉiu monato, kaj estas legata de seriozaj eksperimentistoj. Oni opinias, ke ĝi estas la plej ampleksa kaj la plej bona radio - gazeto eldonita.

La ĉiujara kotizo estas 15ŝ. (20 svisaj frankoj). Unuopaj ekzempleroj estas sendataj al ĉiu kiu petos po 1ŝ.3 p. (1.50 svisaj frankoj). Oni prefere sendu la monon per poŝtmandato. Adreso: Dorset House, Tudorstr., London E. C. 4.

Ni esperas, ke la Esperantistoj subtenos la entreprenon, kiu havas la aprobon de la Internacia Radio - Asocio.

---

## LA LABORISTA ESPERANTO-GRUPO, DE GENOVA.

daŭrigas ĉiam la dissendadon de la grava verko DEVOJ de la HOMO de la granda kaj tutmonde konata itala pensulo Jozefo Mazzini. Tiu verko estis esperante tradukita iniciative de la E. E. G. mem, okaze de la 50.a Lia mortdatreveno.

Ĉiuj kiuj ankoraŭ ne ricevis la libreton, estas petataj ĝin peti, SED SENDANTE SAMTEMPE ANKAU MALGRANDAN MONOFERON por helpi la grupon je gravegaj post-kaj-disdonad-elspezoj kiujn oni renkontas pro tiu 10.000 ekzempler-verk-disdonado.

Adres-ig-u ĉion al S.ro MANAGLIA Ettore, Sekretario-Kasisto de la LABORISTA ESPERANTO - GRUPO en GENOVA (Italio) Casella Postale N.ro 922.

---

## ESPERANTISTA TABAKKONTRAŬULA ASOCIO

fondiĝis dum nia Deksesa en Vieno. Ĝi celas pere de Esperanto kunhelpi al la urĝe necesa ĝenerala popolklerigo pri la tabakdanĝero. Jam aperis la unua numero de «Verda Kruco» ,verkfolioj de E. T. K. A. Grandaj pensuloj, kiel Tolstoj, Goethe, k. c., kondamnas la fumadon.

Ni, samideanoj, kiuj nin nomas logikaj, ĉesigu tiun senpensan kutimon, tiun superfluan balaston. Aliĝu al ni, kiuj batalas por la **popolrajto je freŝa aero,**

**por liberigo el premanta sklaveco,**
**por libera kaj ĝoja vivmaniero!**

Jarkotizo: fr. 3.— (kompreneble plipagoj estos danke akceptataj). — Flugfolio estos sendata al ĉiu demandinto.

**Kontraŭ la nikotinsklaveco! Por popolbonfarto!**

Sekretariejo de E. T. K. A. estas
Wien 69, Postfach, Aŭstrio.

Provizora delegito por Belgujo: E. Urbach, Lange Leemst., 68, Antwerpen.

---

# PLEZURA NOKTO.

de JUSTUS VAN MAURIK.

El la nederlanda lingvo tradukis M. Boeren.

---

Kun timplena mieno, sinjoro Bovendam suprenrigardas de la ĵurnalo kiun li estas leganta, ŝovas siajn okulvitrojn sur sian frunton, frotetas kelkfoje per sia dekstra mano sian senharan kranion, malfermegas siajn malsekajn okulojn kiel eble plej larĝe, rigardas sian aliduonon, kiu, kapklinante, estas maŝflikanta ŝtrumpon, kaj diras per mallaŭta voĉo:

«Estas timige, Elinjo!»

«He? Kio? Ĉu vi diras ion, Bovendam?» demandas la sinjorino kaj unumomente lasas la maŝigilon en la ŝtrumpo.

«Estas terure!» ree diras la edzo; lia mano ripozas sur la ĵurnalo kaj lia kapo majeste moviĝas inter la altaj pintoj de lia kolumo.

«Sed kio do, karulo?» Maŝpilko kaj ŝtrumpo estas metataj sur la tablon, kaj dum la sinjoro iomete relevas la meĉon de la petrollampo, ŝi atente rigardas sian edzon, kiu malrapide estas leviĝinta kaj malfermas la ĉambropordon, por rigardi en la koridoron.

«La antaŭpordo estas tamen bone ŝlositaZ ĉu ne?» li demandas kvazaŭ al si mem, dum li staras sur la sojlo kaj, farante unu paŝon en la koridoron, li vokas:

«Manjo!»

«Sinjoro!» respondas akra voĉo de malantaŭe, el la kuirejo.

«Ĉu vi jam riglis la pordon?»

«O jes, ja! sinjoro! jam de la duono antaŭ la oka!»

Dume la sinjorino ekkaptas la ĵurnalon kaj serĉas sub la rubriko Urbnovaĵoj.

«Jen», diras Bovendam, kiu estas reveninta en la ĉambron, «jen ĝi estas», kaj li montras per la fingro, dum li, rigardante super la ŝultro de lia edzino, legas:

« Dum la pasinta nokto okazis neordinara ŝtelo en ĉi tiu urbo en
» Commeliustrato; la ŝtelisto aŭ la ŝtelistoj al si havigis entron eltran-
» ĉante fenestrovitron en la teretaĝo de No 320, enloĝata de kambiis-
» to. La friponoj proprigis al si gravan sumon, kiun ili forŝtelis el
» la fera monŝranko, post kiam ili neklarigeble malfermis la seruron.
» Ankaŭ du pupitroj estis rompmalfermitaj kaj iom da kasmono el ili
» malaperis. Sur la planko oni trovis postsignojn de vakso, kiu kredeble
» devenis de kandeloj, kaj duone bruligitajn svedajn alumetojn. »

«Estas bedaŭrinde, Bovendam. Ili ankaŭ estus povintaj kaŭzi brulegon», diras la sinjorino kaj ŝi malrapide skuas sian inde kufumitan kapon.

«Jes, karulino, certe estas grave; estas jam la sesa fojo en ok tagoj, ke io tia okazas en la urbo, — ĉiam en la novaj kvartaloj».

«Estas timige, Petro!»

«Certe estas tiel! Ĉu vi volas kredi, ke mi ne estas kvieta? Mi havas ja feran ŝrankon kun literseruro, sed oni tamen ne scias, ĉu...»

«Mi ankaŭ ne estas kvieta», sopirante diras la sinjorino.

«De mia flanko estis ja absurde konsenti, kiam vi tiel insistis por elekti en ĉi tiun straton», diras Bovendam; kaj denove sidiĝante, li daŭrigas, dum li faldas la ĵurnalon kaj ĝin gladviŝas: «Mi neniam estus devinta fari laŭ via deziro».

«Kio? Ĉu mia deziro, Petro?»

Jes, certe; vi trovis la domon ĉarma, belega, alloga, kaj kion mi scias plu.»

«Sed, Bovendam!...»

«Ne, ne! Elinjo, ne kontraŭdiru min, mi petas; mi sufiĉe kontraŭstaris vin, sed vi volis kaj persistis. Se mi estus farinta laŭ mia plaĉo, tiam ni estus elkoĝintaj pli proksime de la urbocentro».

«Facile dirite, karulo; ni vidis sufiĉe da domoj, sed la plimultoj estis domaĉoj; nur rememoru tiun en Laŭrostrato, 800 guldenojn da luprezo, kaj ĉambroj sen lumo kaj aero. — Ne! estis ja sufiĉe da aero, pli ol necese, sed ne freŝa...»

«Tamen estus estinte pli bone, se ni ne estus atentintaj pri tiu malhelpaĵo; ĉi tie», kaj sinjoro Bovendam akcentas tiun vorton, «mi vere ne plu estas kvieta».

«Estas ja strange, Petro, ke oni ne arestas tiujn ŝtelistojn,tiujn rabistojn», sopiras Elinjo, kiu dume denove prenas sian maŝlaboron kaj daŭrigas: «Se ni nur estus restintaj en Alfen».

Kion vi diras? Facile dirite! — Estis ja vi, Elizabeto, kiu absolute volis».

Ĉu mi?» La maŝigilo subite haltas kaj knaras sur la ligna pilko.

«Jes, vi!»

«Nu, rigardu, — estis vi; vi satis pri via spicvendejo, kaj kiam ni ricevis la heredaĵon de onklo Gerardo, vi mem ja diris: «Nun vendu sekajn vinberojn kaj pipron kiu volas, — mi dankas pro tio».

«Nu, jes! vendi sekajn vinberojn kaj pipron ne estas agrable, kiam oni ne bezonas fari tion; dum dek-ses jaroj mi staris malantaŭ la butiktablo, kaj nun, kiam estas eble al mi vivi je rentoj, mi tion faras, estas kompreneble!» kaj Bovendam komforte manfrotetas sian nigran atlasan veŝton.

«Do bone, ne gravas kiu estis la kulpulo: ni estas tie ĉi, kaj vi tiel rapide ektimas.»

«Ektimas? mi? Por mi mem mi ne timas, ĉar mi valoras mian atakanton, kiam estas necese. Estas nur por la infanoj kaj por vi.»

«Kial do?»

«Imagu nur al vi, Elinjo; ke mi devas fari vojaĝon — tio ja estas ebla — kaj ke mi tiam forrestas unu nokton. Prezentu nun al vi, ke precize en tia nokto iu ŝtelisto penetras en la domon, aŭ...»

«Ĉesu, Bovendam!»

«Imagu, ke vi estas sola kun Benjo kaj la malgranduletoj, kaj ke...»

«Silentu, Petro! vi terurigas min, estas tremetige! Sed, pa! estas nur unu ŝanco kontraŭ cent aliaj».

«Sed tamen estas eble».

«Nu, jes, sed ni estas tiel singardaj: Manjo ofte jam ŝlosas la pordojn je la sepa; ŝi morte timas ŝtelistojn».

«Jes ĉio bone; sed, karulino, ĉi tiun vintron estas pli ol danĝere; vi ja mem legis, ke antaŭ oko da tagoj, sinjoro estas atakita sur la Amstelveen-vojo, kaj sur la Jan-Hansen-vojo...»

«Kioma horo estas, Petro?» demandas la sinjorino subite interrompante lin.

«Preskaŭ la dek-unua. — Sed kiel vi demandas tion, karulino?»

Jes, mi subite pensis al Kristiano kaj Benjo; mi dezirus, ke ili jam estu hejme.»

«Tranviliĝu, kia sensencaĵo; dank' al Dio ne estas tiel grave; la vojo de Amstelstrato al ĉi tie estas sufiĉe movohava».

«Estas la vero, kaj tio trankviligas min sufiĉe; sed, se tiuj terurajôj daŭriĝas, mi malpremesos, ke la infanoj iru solaj al la teatro.»

«La infanoj?» ridas Bovendam. «Mi opiniis, ke vi estas pli saĝa; Kristiano estas dek-ok, kaj Benjo dek-sesjara; tiuj du certe estas tre singardaj. Ne, karulino; vi sendube estas tro timema».

«Ne, ne! — Dio, kio okazas? Ĉu vi ne aŭdas ion en la koridoro?»

Nun Bovendam ankaŭ detenas sian spiron kaj kun iom da timo rigardas la pordon, kiu malrapide malfermiĝas.

Manjo, la maljuna kuiristino, trenmarŝas en la ĉambron kaj demandas:

«Ĉu vi deziras, ke mi pretigu la tablon?»

«Dio, vi terurigis min! Jes, donu nur iom da pano kun fromaĝo.»

«Kaj botelon da biero?» demandas la servistino, ordigante siajn manikojn, kaj frotante sian flarorganon per la dekstra mandorso.

«Ne, donu teon; aŭ ĉu vi ne havas bolantan akvon?»

«Nu, sinjorino! kia demando! Ĝi bolas kiel ŝaŭmanta maro!»

Dum Manjo per lerta mano ordigas ĉion sur la tablo, la sinjorino diras:

«Bovendam!»

«Karulino!»

«Nu, faru plezuron al mi kaj legu vi al Manjo tiun novaĵon el la gazeto; estas bone, ke ŝi tion aŭdu».

«Aŭskultu do», respondas Bovendam kaj, ree malfaldante la ĵurnalon, li aldonas: «Tio estu instruo al vi, Manjo».

La sinjoro laŭtlegas la artikolon. La okuloj de la kuirejoprincino iomete perdas sian dormeman aspekton, kaj kun la brakoj kunigitaj sub la brusto, ŝi trankvile aŭskultas. De tempo al tempo ŝi grave kapskuas, kaj kiam la legado estas finita, ŝi diras malrapide:

«Dio mia, sinjoro! kia malbono por tiu sinjoro! Kaj ĉu nun lia tuta

havo estas forŝtelita? Ĉu estas eble? Estas ja kovejo de maljusteco en kiu ni vivas ĉi tie! Ho ve! Kial vi ne restis en Alfen kun mi kaj la sinjorino? Mi estas naskita Amsterdamanino, sed mi hontas pri mia urbo; estas la vera vero!»

«Mi intence legas tion al vi, por ke vi iĝu singardema», diras kun gravega mieno la sinjoro, kiu dume metas siajn okulvitrojn sur la tablon kaj penas por penetri la servistinon per rigardo de siaj malsekaj okuloj, kiam li daŭrigas:

«Ĉu vi ne forgesis ŝlosi la ĝardenpordeton?»

«Ho, bona Dio! mi vere forgesis tion! Sed ne gravas: la tutan vesperon mi estis en la kuirejo, kaj do...»

«Kiom ofte mi jam diris: Manjo, ne forgesu la ĝardenpordeton!» kolerante ekkrias la sinjorino.

«Sed, sinjorino, ĉiu tamen povas ion forgesi!»

«Vi devas nenion forgesi!»

«Mi tuj ŝlosfermos ĝin, sinjoro!» diras Manjo ruĝiĝante, dum ŝi rapide foriras kaj, post kelkaj momentoj, ŝi revenas, dirante:

«Ĝi nun estas fermita per la riglilo.»

«Ke tio neniam plu okazu!» admone diras Bovendam, kaj kun voĉo timiga, li rakontas pri diversaj cirkonstancoj, en kiuj, per la eniĝo de unu aŭ multaj friponoj, la plej teruraj abomenaĵoj okazis.

La sinjorino tremas pro timo, kaj Manjo mute staras kvazaŭ ŝi estus ŝtoniĝinta.

«Rin-rin-rin-rin!» subite eksonas la domtintilo.

«Ho Dio! kio okazas?» ege terurigite ekkrias la sinjorino.

Trankvile Manjo respondas: «Eble estas la juna sinjoro kaj la fraŭlino», kaj ŝi iras malfermi la pordon.

«Ho! al tio mi ne pensis», diras la sinjorino, kaj al sia edzo ŝi diras: «Vi ekscitas miajn nervojn per viaj priŝtelistaj rakontoj».

«Pa! estas nur por la servistino, ke mi tiel parolas, ĉu vi ne komprenas tion? Ju pli timema ŝi estas, des pli singardema ŝi iĝas».

(Daŭrigota.)

---

# BIBLIOGRAFIO.

METHODE DE STENOGRAPHIE ESPERANTISTE ET DE STENOGRAPHIE FRANÇAISE. — Règles, thèmes et versions. Par P. Flageul. — 2e Edition. 1924. Imprimerie spéciale de Fluganta Skribilo. Boulevard Voltaire, 9, Issy-les-Moulineaux (Seine). 28 paĝoj. — 16.5 x 22 cm. Prezo: Fr. 2.— (francaj.)

Metodo, kies fundamento estas la sistemo Duployé. Ĝi speciale kaj bonega taŭgas por tiuj Esperantistoj, kiuj deziras lerni samtempe, per ununura metodo, la stenografadon en franca kaj Esperanta lingvoj.

FARMACIO KAJ ĤEMIO. N-ro 1. Printempa Numero 1924. Eldonejo: Esperanto Grupo en Tojama. Farmacia Kolegio, Tojama, Japanujo. 46 paĝoj: 17.5 x 24.5 cm. Prezo: Ponumero Sv. Fr. 0.75. Jarabono Sv. Fr. 3.—. Tiu plej bele prezentita kajero enhavas, krom biografian artikolon pri la ĥemiisto Emil Fischer, sep artikolojn pri diversaj ĥemiaj kaj farmaciaj temoj, originale aŭ traduke verkitajn de grupo de spertaj japanaj samideano-fakanoj. Petu specimenan numeron!

PREPARAĴOJ DE TUTMONDA INTERESO. 10 paĝoj: 10 x 16 cm. KONATAJ MEDICINAJ PRODUKTOJ: 12 paĝoj: 9.5 x 17 cm. Du libertoj, eldonitaj de Burrough, Wellcome & Ko, — La unua estas intencita por la legado de Esperantistoj ĝenerale; la dua estas difinita sole por kuracistoj. Oni volonte sendos ekzempleron de la unua al kiu ajn leganto, kaj unu ekzempleron de la dua al kiu ajn kuracisto, kiuj ilin petas.

5a INTERNACIA FOIRO DE REICHENBERG. — 9-15a Aŭgusto 1924. Okpaĝa broŝuro eldonita de la Foira Oficejo. (Esperanto - fako) Reichenberg, Ĉeĥoslovakujo. 15 x 23 cm.

JEF DENYN'S BEIAARDSPEL, Mechelen 1924. — Carillon Malines 1924. — Eldonita sub la protekto de la societo «Mechelen-Aantrekkeljjkheden» («Malines - Attractions»), de la presejo Godenne, Mechelen. 76 paĝaj broŝuro pri la Sonorilar-Koncertoj en Mehleno, 1924, kun flandra, franca, angla kaj Esperanta tektoj. — 12.5 x 21 cm. Prezo: Fr. 1.25. Enhavas la programojn de la diversaj sonorilar-koncertoj organizitaj dum 1924; krom tio sciindaĵojn pri la historio de la sonorilaroj, kaj pri la Sonorilara lernejo kiu funkcias en la urbo Mechelen.

AL ETERNA PACO de Imanuel Kant. — Filozofia Traktaĵo tradukita de profesoro P. Christaller, ano de la Akademio Esperantista, kun antaŭparolo de l'eldonanto D-ro W. Fricke kaj kun parolo pri vivo kaj pensoj de Kant de D-ro Th. Lessing, profesoro de filozofio en Hannover.

Eldonejo: La Batalanto. — D-ro Fricke, 88 paĝoj: 12.5 x 18.5 cm. Prezo: orm. 2.—. Havebla de Oskar Ziegler, Deisenhofen apud München, Plej bonstila traduko de interesa verketo de la fama germana filo-

zofo Kant. Tiu libro estas nova pruvo de la uzebleco de nia lingvo eĉ por subtilaj filozofaj klarigoj. — Tiu eldonaĵo honoras ambaŭ tradukinton kaj eldoniston.

«ESPERANTO», ein moderner Bildungsfaktor. — Prof. Dr. Franz Christanell. 24 paĝa germana broŝuro eldonita de la «Esperanto Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin und Dresden. 1924. — 11.5 x 16 cm. Prezo: Sv. Fr. 0.25; — Argumentriĉa kaj racia pledado pri la alta signifo kaj valoro de nia lingvo en la kampo de la intelekta disvolviĝo de la homo.

LA EVANGELIO LAŬ SANKTA JOHANO; — Tradukita el la originala greko de Profesoro Wren J. Gristead, D-ro D. O. S. Lowell kaj Reverendo R. P. Anderson Eldonita de la Scripture Gift Mission, 15, Stand, London, 1910. — 64 paĝoj 7.5 x 11.5 cm. Illustrata. — Skribu al la citita adreso por ricevi la broŝureton.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA. Eldonita de Esperanto Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden 1925.

No 8. — EL KOMEDIOJ. Fragmentoj el «La revizoro» de Gogol kaj el «George Dandin» de Molière. Esperantigitaj de D-ro L. L. Zamenhof 2-a eldono. — 48 paĝoj: 9.5 x 14 cm. Prezo: Sv. Fr. 0.25.

Noj 10-11. — JAPANAJ RAKONTOJ. Kunmetis Ĉif Toŝio Tria Eldono 72 paĝoj: 9.5 x 14 cm. Prezo: Sv. Fr. 0.50.

Reeldono de du libertoj bone konataj de la Esperantistaro.

SVISLANDO kun Poŝtaŭtomobila servado sur la Alpo-Stratoj. — Eldono de la Svisa Esperanto - Propagando - Servo, P. K. 174, Transit, Bern, helpe de la Svisa Centra Turisma Oficejo en Zürich kaj de la Generala Poŝta Direkcio en Berno. Multilustrita. 48 paĝoj: 11 x 14.5 cm. — Senpage havebla per letero en Esperanto al la Poŝta Direkcio, Berno. — Tre bela broŝuro, kiun ni rekomendas al ĉiu vojaĝema samideano. — Skribu por ĝin posedi!

REISBOEKERIJ. — No 5. — ALFABETISCH KORTSCHRIFT «GROOTE». — Een stenografie voor iedereen en voor alle talen door L. Cogent. Tweede deel: Verkortingen. Uitgaven van de Drukkerij «De Lusthof», Steenbrugge-bij-Brugge. 1923. 32 paĝoj. 8 x 12 cm. Prezo: Fr. 0.50. — Tiu broŝureto, verkita de nia bonega samideano L. Cogen, instruas pri la mallongigoj uzataj en la stenografio «Groote».

INTERNACIA MONDLITERATURO. — Eldonita de Ferdinand Hirt &Sohn en Leipzig. 1924. Esperanto-Fako. 13 x 19 cm.

No 6. — EL LA SKIZLIBRO de Washington Irving. El la angla originalo tradukis H. E. Elvin. 68 paĝoj. Prezo: Orm. 1.80.

La tradukinto prezentas en sia antaŭparolo bonegan biografion de Washington Irving de kiu la libro enhavas kvar rakontojn: Rip v. Winkle. La fieraĵo de la vilaĝo, La fantoma fianĉo kaj La kampara preĝejo. La stilo de la tradukaĵo estas plej flua kaj agrabla. La leganto tre certe povas ĝui per ĝi la ĉarmon de la originala verkado.

No 11-12. — DEKLARACIO de T. Ariŝima, el la japana originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro T. Toogu, 128 paĝoj. Prezo: Rrm. 2.—.

«Deklaracio» estas japana novelo verkita en formo de leteroj interŝanĝitaj inter du junuloj: studento kaj licenciato de scienca fakultato. Per la eldono de tiu verko de unu el la plej multe ŝatataj nuntempaj aŭtoroj de Japanujo, la firmo Hirt faris gravan servon al Esperanto, pruvante per tio, ke nia lingvo bonege taŭgas por la celoj de orient-aziaj popoloj. Per ĝi la atento de la japanaj intelektaj rondoj sendube estos denove favore altirata al nia afero, ĉar ĝi diskonigas al la Esperantistaro la specialan pensmanieron de la japana junularo.Ni ne dubas ke la libro rikoltos grandan kaj meritītan sukceson.

No 13. — SES NOVELOJ de Edgar Allen Poe el «Rakontoj de Mistero kaj Imago». El la angla originalo tradukis A. Frank Milward. 84 paĝoj. Prezo: Orm. 1.20.

Liĝeja, La ovala portreto, La barelo da amontilado, Kelkaj vortoj kun mumio, La homo, kiu troviĝis eluzita, kaj La silento, jen la titoloj de ses bone tradukitaj noveloj de la mondfama kaj stranggenia amerika verkisto Poe. Ni rekomendas la legadon de tiuj tradukaĵoj, kiuj perfekte redonas la mistikecon kaj la bonhumoron kiujn la aŭtoro majstre uzis en la orginalaĵoj.

No 14. — LA FIRMAO DE LA KATO KIU PIKLUDAS, de Hon. de Balzac. El la franca originalo tradukis Paul Benoit. 80 paĝoj. Prezo: Orm. 1.20.

El la antaŭparolo, kiu konsistas el mallonga vivpriskribo pri la aŭtoro kaj el klarigo pri la tradukita romano ni legas, ke la verko apartenos al la fako: «Scenoj el la privata vivo», kaj ke la agado estas: Pentristo amas freneze komercistan filinon, kiu amas lin, li edziĝas je ŝi, poste li forlasas ŝin. La tradukinto fidele respektis la laŭvortan ĝustecon de la originala verko, aldonante ĉe la fino multajn klarigojn pri uzataj esprimoj, kiuj, sen ili, estus pli-malpli nekompreneblaj por nefrancaj legantoj.

No 15.— ORIENTAJ FABELOJ, de Vlas Doroŝevic. Kun permeso Hohlov. 72 paĝoj: Prezo: Orm. 1.20.

Tiu libro enhavas jenajn fabelojn: La fabelo pri Fabelo, la kalifo kaj la krimulino, Kiel de Hasan falis la pantalono, La malĝuste trafitaj kalkanoj, Historio de porko. Tiu interesa kolekto de fabeloj aŭ plibone satiroj estas tre leginda. Ni gratulas la tradukinton pro la flua maniero per kiu li sukcesis redoni la akretrafan stilon de la aŭtoro.

---

JUVELARTO

Speciala laborejo por riparado kaj aliformigo
Oraj Edzoringoj laŭ mezuroj
Aĉetas oron kaj arĝenton

**Jos. HERION, Juvelisto** 8, rue des Raines
VERVIERS

"Navigation Uniforms"

Uniformoj el pilota drapo - Indigoblua seriko
"Standaert" jakoj

L. Van Hove & F. D'Hamers
39, Rue St. Paul, ANTVERPENO

Kie aceti plej bone malkare kaj fidinde ol ce la bonekonata firmo

V. Vloeberg
Juvelfabrikanto kaj horlogisto

Rue du Serment, 17 - Malines

Speciala laborejo por riparado

"PLUMET"

La plej bona el la digestigaj likvoroj

ĈIE AĈETEBLA

Distilejo de bongustaj likvoroj LE PLUMET

Place St Bavon. 14. St Baafsplein
GAND - GENT

Hotelo - Restoracio - Kafejo
"RUBENS"

Rue Neuve St-Pierre 10-12 - GENTO - Telefono 418

Posedanto : Leopold VAN WAES

Mangoj laù la karto. - Specialaj mangajoj.

Salonoj por festenoj kaj festmanĝoj - Laŭburĝa kuirmaniero - Bonaj vinoj

# La Vojaĝoj Vincent

*59, Boulevard Anspach. BRUSELO (Borso). - Tel. 101.77*

Organizas, en ĉiu tempo de l'jaro, vojaĝojn komunajn, apartajn kaj edzigajn, en ĉiuj landoj

**La Belgaj Aûto-Veturadoj**

per la beleqaj kaj rapidaj ekskurs-automobiloj de la VOJAĜOJ VINCENT

Ekskursoj en la G. Dukl. Luksemburgo, en la valoj de Amblève, Semois, Ourthe, en la ĉirkauaĵo de Bruselo.

Petu senpagan aisendon de vojaĝplanoj kaj projektoj.

**Fabrikejo de vojaĝartikloj**

FIDINDA FIRMO

# AU LÉZARD

**140, Boulevard Anspach, 140**

(apud la Borso)

**Telefono 225.94 BRUSELO**

Luksaj vestokestoj.
Garnitaj kestetoj.
Vojaĝkofroj - Sakoj - Paperujoj.

Specimenkestetoj por bombonistoj.

Riparado. — Transformado.

*Fabrikejo de Fortepianoj*

# G. Van Bastelaere

**26, Brusselsche Straat, 26**

**GENTO**

TELEFONO 4275

Vendo — Aĉeto — Interŝanĝo — Agordado - Transporto - Riparo, k.c. de Fortepianoj kaj harmoniumoj.

Liveranto al Monaĥejoj. Edukejoj kaj Societoj.

Luksaj kaj ordinaraj fortepianoj.

# J. OOSTERLINCK-VAN HERREWEGE

VENSTERGLAS -- SPIEGELRUITEN

185, Brusselsche Steenweg, LEDEBERG (GENT)


# Ne forgesu

# repagi vian abonon !

VIZITU BRUGES (BELGUJO)
arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro
kaj haltu :

HOTEL DU CORNET D'OR

2, PLACE SIMON STEVIN
Sidejo de la Bruga Grupo Esperantista.
Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.
Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.
*La hotelestro, samideano S-o Verbeke, parolas Esperante, france, flandre kaj angle.*

BANQUE de la FLANDRE OCCIDENTALE
Anonima Societo fondita en 1881
***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***
Agentejoj en Blankenberghe, Heyst kaj Knocke

DISKONTO — MONŜANĜO
KREDITKONTOJ
Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj
Borsmendoj por ĉiuj urboj.
ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ
Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj
Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

Multaj oficistoj parolas Esperanton — S. D.

? Ĉu vi estas jam membro de U. E. A. ?

***Samideanoj! Kuragigu Esperantistajn firmojn!***
Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).
AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO
*BONAJ MANGAJOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOI*

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj.**
**Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**
**El ciuj enspezoj farataj pere de Esperanto, S-ro Benoit dedicos parton de 5 o/o al la propaganda kaso de "Belga Esperantisto".**

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA" GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

# NEW ENGLAND

**RUE AUX VACHES -- GENTO**

**TELEFONO 618**

Antaŭfaritaj kaj laŭmezuraj vestaĵoj

# AU BON GOUT

**Novaĵoj kaj Lanaĵoj**
**por sinjorinoj**
**artikloj el silko kaj veluro**

# Edzino De Groote-Van de Velde

**30, RUE DIGUE DE BRABANT, 30**

Specialeco de Negliĝoj
**Bluzoj kaj Jupoj**

**GENTO**

# 10.000

membrojn
devas
havi

# UEA

en 1925.

Aligu tuj por atingi

# 10.000

Aligojn akceptas

FRANS SCHOOFS Cefdelegito de UEA por Teritorio Belglando:

***11, Kleine Hondstraat -- ANTWERPEN***
***11, Rue du Petit Chien -- ANVERS***

Rekomendata de la

# XVI-a Universala Kongreso de Esperanto !







LA ELDONON

de la

sola arta literatura monata

Esperanta revuo

# LITERATURA -- MONDO --

transprenis :

HUNGARA ESPERANTO-INSTITUTO

Ciu grupo kaj literaturamanto nepre helpu la gazeton per abono kaj disvastigo !

***Po Nº sv. Fr. —.80 aŭ $ —.16***

En Belgujo mendu abonon de

**F. SCHOOFS, ANTVERPENO**

*Postĉeko 284.20*

***1 Jaro : Fr. 30.--***

KUNLABORANTOJ :

la plej konataj Esperantaj verkistoj el ĉiuj landoj.

! VI DEVAS SUBTENI NIAN SOLAN LITERATURAN REVUON !